


Año V (N.º 49)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 1

ENERO 1953

RUZAFA, 7 VALENCIA (ESPAÑA)

MINISTERIO DE EDUCACION NACIONAL

—

DIRECCION GENERAL DE ENSEÑANZA PRIMARIA

En relación con el atento escrito elevado por esa Junta de su digna Presidencia al Excmo. Sr. Ministro de Educación, con fecha 15 Noviembre último, y en nombre del propio Sr. Ministro, me honro en participarle que se tomó en consideración su propuesta relativa a la enseñanza del Esperanto y que se tendrá en cuenta, para su estudio, en las sucesivas modificaciones de los planes docentes.

Dios guarde a V. S. muchos años.

Madrid 18 Diciembre 1952

El Director General, E. CANTÓ

Sr. Presidente de la Junta Directiva de la Federación Esperantista Española.-Valencia.

## NUEVA ETAPA

**Al comenzar el nuevo año, que es el sexto en nuestra actuación oficial, debemos echar una mirada analizadora sobre la tarea cumplida, y escrutar además el horizonte, para estudiar el mejor camino a seguir.**

**Lo conseguido hasta hoy parecerá satisfactorio a ciertos espíritus optimistas, mientras otros, descontentadizos, estimarán mezquino el resultado. Por ello, y para no influir en el temperamento de cada cual, tan sólo diremos que, sea poco o mucho lo que se logró, ese es el fruto del esfuerzo de todos. Desde el infatigable redactor hasta el socio más anónimo, todos tienen su parte de gloria, que cada año debe ser mayor, y todos deben perseverar en su empeño, según su capacidad, de acuerdo con su entusiasmo, en el que no debe haber merma alguna, para la armonía del conjunto.**

**Por otra parte, el tesón de los esperantistas del mundo entero está consiguiendo positivos jalones en la marcha ascendente de nuestro movimiento lingüístico.**

**Que cada cual valore lo conseguido según su temperamento; pero, de la lectura de los textos que completan esta misma página, todos deben deducir, como norma de conducta, la reiteración en el noble empeño que nos anima; ahora, precisamente, mejor que nunca.**

**Para el año que comienza, debemos ofrendar el máximo esfuerzo, dejando de lado el amor propio, al recordar que la grandeza de España fué posible porque la imagen de Don Quijote se reflejaba en el corazón de muchos españoles, frente a todas las eventualidades.**

## Texto de la Resolución de U.N.E.S.C.O. acerca del ESPERANTO

### La Conferencia General de la UNESCO, Considerando:

a) que, habiendo sido presentada a las Naciones Unidas una petición internacional en favor del Esperanto, firmada por 492 organizaciones, que totalizan 15.450.780 miembros y por 895.432 particulares, y remitida por el Secretariado de dicha Organización al de la U. N. E. S. C. O.

b) que U. N. E. S. C. O. está en condiciones de poder apreciar los resultados conseguidos por el Esperanto en el desarrollo de las relaciones intelectuales y de comprensión entre los pueblos.

Requiere al Director General para que comunique la petición a los Estados Miembros, y emprenda, como una de las actividades normales del Secretariado, las necesarias tareas preliminares para permitir a la Conferencia General la decisión, en su octava sesión, sobre la acción que deba emprenderse acerca de esta petición.



## Niaj veteranoj: Jozefo Domingo

*Profitante la ĉeeston de S-ro Domingo en la lunĉo okazinta la 14an de Decembro, kiel fermo de la kursoj elementa kaj supera de Esperanto, la subskribinto ne volis perdi tiun ŝancon kaj intervjuis lin jene:*

—Ĉu vi bonvolas rakonti iomete pri via vivo al la legantoj de nia bulteno?

—Tre volonte. Mi naskiĝis en Grao-Valencia la jaron 1876. Kiam mi estis 22-jara mi vojaĝis al Francio, kie mi loĝis kelkajn jarojn en Marseljo kaj Parizo. Poste mi havigis al mi postenon, kiel oficiston en grava entrepreno de Londono, kie mi restis ĝis 1913. En tiu tempo mi foriris al Aŭstralio, loĝinte tie dum 18 jaroj. En la jaro 1931. mi revenis definitive al Valencio. Nuntempe mi estas privata instruisto de angla lingvo.

—Kiam vi fariĝis esperantisto?

—En la jaro 1905. amiko mia el Londono pruntedonis al mi Esperanto-gramatikon, kiu tuj interesis min. Mi lernis la lingvon; sed mi ne povis dediĉi al ĝi mian atenton, ĉar tiam mi estis praktikante la anglan. Tamen, kiam mi atingis Aŭstralion, mi aliĝis al la grava Esperanto-Klubo en Sidney; kaj sufiĉe aktive mi partoprenis la movadon.

—Ĉu vi ĉeestis aŭ rekte partoprenis en Universalaj Esperanto-Kongresoj?

—Bedaŭrinde, mi ne havis tiun bonan ŝancon, ĉar tiuj kongresoj ordinare ĉiam okazas en Eŭropo; kaj dum mia aktiva esperantisteco, mi loĝis en Aŭstralio. Tamen, en la jaro 1928. okazis en Sidney Internacia Eŭkaristia Kongreso, kun ĉeesto de multaj diverslandaj geesperantistoj. Tiam Esperanto estis tre disvastigata en la katolikaj medioj; sekve, multaj katolikaj misiistoj lernis nian lingvon por rilatiĝi kun azianoj, ĉefe japanoj kaj ĉinoj.

—Mi scias, ke vi scipovas kelkajn lingvojn. Kio do altiris vin al Esperanto?

—Ne nur la logiko de Esperanto logis min, sed ankaŭ la fakto, ke tiu lingvo alproksimigas la homojn. Malgraŭ mia kono de kelkaj lingvoj, Esperanto estis la plej utila al mi, ĉar dank' al ĝi mi trovis ĉie bonajn amikojn. Pro diversaj cirkonstancoj, inter kiuj troviĝas mia aĝo, mi ne povas nun aktivi kiel antaŭe, sed mi ĉiam estos kun vi. Viaj sukcesoj ege ĝojigas min kaj mi forte esperas, ke ĉi tiuj junaj lernantoj, kiuj ĉeestas tiun ĉi festeton, estos la novaj pioniroj; ili anstataŭos nin kaj antaŭenpuŝos nian aferon, profitante la favoran sintenon, kiun komencas montri la naciaj kaj internaciaj oficialaj instancoj.

J. JUAN FORNÉ.

## INTERLINGVA PARALELO

### ORIGINALO

**—¡Abrid, hijos de Satanás! ¡Abrid estas puertas que cierra vuestra codicia! ¡Abridlas de par en par, como tenéis abiertas las del Infierno! ¡Abridlas para que entren los que nunca tuvieron casa! ¡Soy yo quien, después de habéroslo dado todo, llego a pediros una limosna para ellos! ¡Soy yo quien, pobre y miserable, golpea esta puerta cerrada!**

De una novela dialogada de D. Ramón del Valle Inclán

### TRADUKO

—Malfermu, filoj de Satano! Malfermu ĉi tiujn pordojn, kiujn fermas via monavideco! Malfermu ilin de ekstremo al ekstremo, kiel vi havas malfermitaj tiujn de l'Infero! Malfermu ilin por ke eniru tiuj, kiuj neniam posedis domon! Estas mi, kiu, doninte al vi ĉion, venas petante al vi almozon por ili! Estas mi, kiu, malriĉa kaj mizera, frapas ĉi tiun fermitan pordon!

El dialoga romano de D. Ramón del Valle Inclán

**◆ Legado kaj tradukado estas utila preparo por natura parolado ◆**

# ◆ LINGVA KONKURSO: LERNU TRADUKANTE! ◆

**Jen nova sekcio, kiun speciale ni dediĉas al la progresantaj lernantoj. Ni esperas, ke ĉi tiu fako plaĉos al la interesatoj, kiuj certe partoprenos vigle en la konkuro por gajni la libron, kiun ĉiumonate ricevos la aŭtoro de la plej bona traduko, kiun ni publikigos, por propra kontrolo, kune kun la nomo de la premiito.**

TEKSTO: «Ĉu vere la koboldetoj ekzistas? Jes, ili ankoraŭ ekzistas tie, en la idealaj regionoj de la puraj pensoj, kie nur la poezio regas. Mi scias, ke jukas ĉe multaj tikla scivolemo koni la personon, kiu sin kaŝas malantaŭ la stupo de mia barbeto. Sed, kial do tiu ĉi emo tiri la kurtenon de la fantazio por malkovri trivialan realon, kiu tro ofte en la vivo reala sufiĉe enuigas? Se ne pro klaraj aliaj motivoj, estas ja enviindaj la infanoj pro tio, ke ili kapablas vidi kvazaŭ ekzistantaj la pejzaĝojn, kiujn ŝovis en mirindajn librojn la imago de artisto. Nu, estu vi ankaŭ infano naiva, dum mallonga daŭro; gardu tre ĵaluze la ĉarman trezoron de via naiveco, kaj lasu vin porti efemere en landon de l' sonĝo kaj revo. Ne punu vin per la puno de tiu disreviĝo, kiu certe vin kaptos, kiam, detruante la magian nebulon, kiu min ekestigas, vi renkontos min sub la formo de vulgara homo, kun vulgara nomo...» *El la enkonduko de unu el la kutimaj kronikoj de* LA LEGEMA KOBOLDETO

**Traduku ĉi tiun tekston, kiel eble plej bonstile, en hispanan lingvon kaj sendu ĝin ne pli malfrue ol la 1.ª de Marto al**

**S-ro RICARDO QUILES, San Vicente, núm. 164 - VALENCIA**

## BONHUMORA KLINIKO

### ĈE LA AKUŜISTO

—Sinjorino, tre plezure mi devas anonci al vi bonegan novaĵon.

—Ĉu sinjorino? ne! Mi estas fraŭlino!

—Ho, pardonu; tiuokaze, mi devas anonci al vi tute malbonan novaĵon!

### EĈ NE TIO!

Okulisto, al miopulo:

—Ĉu vi kapablas vidi tiujn literojn, kiuj montriĝas sur la tabulo?

—Ki... ki... kie estas la tabulo?...

### INTER DOKTOROJ

—La akuŝo estis tre, tre malfacila. Tamen, mi sukcesis savi... la patron.

### SENPRIPENSE

Almozulo, al preterpasanta doktoro:

—Sinjoro, mi malsatas!

—Bona, tre bona simptomo!...

### SURDULO

Doktoro.—Bone, vi jam plene resaniĝis; tial, vi ne bezonas reveni.

Kliento.—Kion?

Doktoro.—Ke vi ne plu venu!

Kliento.—Kion?

Doktoro.—Ke vi revenu morgaŭ!!

### DRINKEMULO

Edzino (ploretante): Vi estas kruela! Vi venis hieraŭ nokte tute ebria; vi makulis la pargeton; kaj, cetere, vi premmortigis mian karan kanarion! Ho, ho!...

Edzo (mirigita): Ĉu vere? Jen kial la citrono ne elsukiĝis!... **D-RO CIRANO.**

**La Naturo limigas siajn favorojn. Pro tio, ĝi liveras senpage la du unuajn dentarojn; la trian oni devas pagi.**

DENTISTO-NATURAMIKO

## SFINKSA ANGULETO

### LA SEKRETO

***Tro naiva edzo diras sekreton al sia edzino, kun la promeso malkovri ĝin al neniu ajn. En la sekvanta tago, la edzino ne povas silenti kaj rakontas la sekreton al du amikinoj, kiuj siavice agas same; t. e. ili gardas la sekreton ĝis la sekvanta tago, kiam ĉiu el ili ambaŭ malkovras la aferon al du pliaj konatoj, kiuj egale kondutas.***

**Kiom da personoj, laŭ tia ritmo, konos kaj posedos la sekreton post dek tagoj?**

**Oni akceptos solvojn, por la premio, ĝis 20. Februaro**

SOLVO DE LA **ENIGMAJ KARTETOJ** EN LA PASINTA NUMERO

**ANTAŬ-TU-KO ○ INTER-EZ-O**

## LA KAFO

En la jaro 1624ª, la venecianoj importis la kafon en Eŭropon, kie ĝi estis absolute nekonata. En Marsejlo oni inaŭguris, iom pli poste, la unuan publikan kafejon. Tamen, en la superaj klasoj de la tiutempa socio, oni ne ŝatis tiun trinkaĵon ĝis ambasadoro de la turka sultano prezentis ĝin en la luksa kortego de Ludoviko, la XIVª. Post tio, la ekzotika trinkaĵo multe populariĝis; sed la kuracistoj eĉ malrekomendis ĝin pro la opinio, ke ĝi difektas la sanon; sekve, oni punis tre rigore ĝian uzon. Pli poste, aliaj kompetentuloj nuligis tiujn severajn decidojn, pruvante la bonajn plivigligajn kvalitojn de la kafo, kiu nuntempe tiel multe ŝatata estas ĉie.

*La poetoj kutimas paroli laŭte al si mem, sed la mondo nur hazarde aŭdas ilin.* BERNARD SHAW.

# MEMORE AL D-RO ZAMENHOF EN VALENCIO

La 14an de Decembro, granda nombro da geesperantistoj ariĝis ĉe la strato D-ro Zamenhof por soleni la datrevenon de lia naskiĝo, metante laŭran kronon sur la tabulo de tiu bela kaj moderna strato. Tiuokaze, oni eldonis propagandajn flugfoliojn, kiujn oni abunde disdonis inter la loĝantoj de tiu strato, por ke ili sciu pri la persono de D-ro Zamenhof kaj, konsekvence, fieru pro tio, ke ili loĝas en strato portanta tiom gloran nomon.

Tiun saman tagon, vespere, kiel fermo de la kursoj elementa kaj supera, kompetente gvidataj de D-ro Tudela kaj S-ro Hernández, granda amaso da lernantoj kaj ties familianoj, kune kun multaj Valenciaj geesperantistoj, kunvenis por lunĉo en la Societo «Montepío de la Dependencia Mercantil». Je la fino de la festeto, D-ro Herrero, kiel Prezidanto de la Valencia Grupo, sin turnis al la ĉeestantaro, admonante la lernantojn por ke ili perfektiĝu je la uzo de Esperanto por inde partopreni en la ĉi-jara Kongreso, kiun tiel entuziasme preparas la bravaj bilbaanoj. Poste, S-ro Hernández, kiel kutime, vibrigis ĉiujn per sia tribuneca parolado, kun aludoj al la beleco de la ĉeestantaj samideaninoj. Amuza broĉo fermanta la kunvenon estis la spritaĵoj de S-ro Vizcaino, forte aplaŭditaj de la aŭskultantoj.

Sekvantan tagon, la urba esperantistaro festis la tagon de D-ro Zamenhof per komuna vespermanĝo ĉe grava restoracio. Ĝojiga fakto estis, ke la partoprenantoj estis pli multenombraj ol pasintjare, kio evidente pruvas, ke nia afero progresas! En la momento de la tostoj, nia kara Prezidanto D-ro Lloréns majstre skizis la grandiozan laboron de la aŭtoro de Esperanto kaj kuraĝigis la esperantemajn ĉeestantojn al plena esperantistiĝo. La festo daŭris, ĝis malfrua horo, en apuda salono, kie la gejunuloj dancadis oportunan tempon. Fine, la spritaj rakontetoj de kelkaj ĉeestantoj, inter kiuj elstaris tiuj de la fratoj Vizcaino (de tia ligno, tia lignero!) amuzis la kunvenantojn, kiuj disiĝis kun gajaj mienoj, videble esprimantaj la belajn momentojn travivitajn!

**J. JUAN FORNÉ.**

## LA ĈEFA ALPROKSIMIGILO

La homaro progresas senĉese. En ĉiu tago, io nova pligrandigas la amason da homaj konoj; kaj afero, kiu estis sekreto por niaj prapatroj, jam ne plu estas tio por ni; sammaniere, kio hodiaŭ estas enigmo por ni, ankaŭ ne estos tio por niaj posteuloj.

Inter la grandaj elpensoj de la homo, troviĝas kelkaj, kiuj malgrandigas la amplekson de nia planedo, ne farante ĝiajn dimensiojn pli malgrandaj, sed reduktante la tempon, kiun oni bezonas por ĝin krucigi en ĉiujn direktojn. Estas nenecese citi tiajn elpensojn, kiujn ĉiuj konas. La vojaĝoj, kiuj daŭris iam dum monatoj kaj monatoj, estas reduktitaj hodiaŭ je kelkaj horoj, kaj per tre mallonga tempo, ni povas translokiĝi de la glaciaj regionoj de la tero al tiuj, kiuj ĝuas mildan klimaton; de la misteraj popoloj de Azio al la modernaj ŝtatoj de Eŭropo kaj Ameriko, aŭ al la virgaj arbaregoj de Afriko. Sed ĉi tiuj komunikiloj kaj alproksimigiloj inter la homoj, ankoraŭ estas iom malfacilaj kaj ne ĉiuj homoj povas ilin uzi, ĉar iliaj enspezoj ordinaraj ne permesas ja tion al ili.

Tamen, la homoj, per siaj eltrovaĵoj, sukcesis dresi ĉi tiun malkonvenaĵon. Kiel? Pere de la radioricevilo. Tiu ĉi aparato komunikigas nin kun la tuta mondo, per luma rapideco, sen bezono eliri el domo; cetere, ĝia prezo estas sufiĉe ebla, eĉ por modesta poŝo. Ne kontenta nur aŭdi, la homo ankoraŭ volas pli, li volas vidi; kaj baldaŭ estos realo, atingebla de preskaŭ ĉiuj, la televido. Pere de ĝi, ni ne nur aŭdos, sed ni ankaŭ vidos. La du fenestroj de nia animo estos malfermitaj, sed... ni ĉiam vidos malpligrandigita la utilon de tiuj aparatoj, kaŭze de la amasego da lingvoj uzataj en la tuta mondo. Ni vidos; jes, ni aŭdos, sed ni ŝajnos surduloj, ĉar ni ne komprenos tion, kion la aliaj homoj diros al ni per sia nacia lingvo. La vera, la plej grava, la ĉefa alproksimigilo inter la homoj de la tuta mondo estos tiu, kiu permesos al ni kompreni unu la alian, ebligante konigi niajn sentojn, dezirojn, emojn, k. t. p. al la aliaj homoj. La ilo, kiu malaperigos la surdecon, kiun ni nun suferas! Kaj ne alia povas esti tiu ĉi ilo, krom internacia lingvo, kiun uzos la tutmondaj homoj, por siaj internaciaj rilatoj, kvankam por siaj naciaj rilatoj ili uzos, la gepatran lingvon, kiu ne devas malaperi. Kaj la unika lingvo, vere internacia, estas Esperanto pro ĝia facileco kaj ĝia harmonio; ĉar ĝi ne vekas ĉe ni la suspekton esti submetitaj al iu nacio, kiel okazus, se ni uzus iun ajn nacian lingvon. Ĝis daŭre ni ne uzos ĉi tiun alproksimigilon, kiu estas la internacia lingvo, ĉiuj penoj de la homaro estos vanaj. Nur tiam, kiam ĉiuj lernos kaj uzos la belan, ***helpan,*** internacian lingvon Esperanto, ni estos vere proksimaj, ni povos kompreni kaj ami unu la alian; kaj ni povos vidi, ke la mondo estas unu hejmo, kaj la homaro unu popolo.

**Marco Aurelio Perles Sifre.**

# HUMANIDAD SIN REMEDIO *por Guillermo Bosch*

**Un día, es el Ministerio de Educación Nacional de Francia el que, según la prensa, acepta el patronato de un proyecto de bilingüismo. Este proyecto consiste en que todos los niños del mundo aprendan, además de su propio idioma, otra segunda lengua «viva», común a todos. Con tal fin, «El Mundo Bilingüe» (que así se llama el nuevo Movimiento) se ha trazado, como primer objetivo, el de generalizar la enseñanza del Francés... y del Inglés. Eso ya es «trilingüismo», que comienza por reconocer la dificultad de escoger «una» lengua sola, sin despertar recelos y herir susceptibilidades nacionales. Además, habiendo nacido en Francia, ese Movimiento no podía, claro está, prescindir del Francés.**

**Es de suponer que, más tarde, para dar satisfacción a otros Estados, recomendará otras lenguas también, y por lo tanto el flamante Movimiento se llamará «Polilingüe». Llegaremos así a la situación presente de «multilingüismo», para volver al cual no valía la pena crear un Proyecto y un Movimiento. Otro día, los periódicos nos informan de que la Academia Internacional del Turismo, reunida en Montecarlo, estudia la posibilidad de idear un Lenguaje para Turistas de todo el Mundo. Con razón, el «Boletín del Ministerio de Relaciones Exteriores» de España publicó una Orden, para que todas las comunicaciones de carácter oficial de sus Representaciones diplomáticas en el Extranjero sean redactadas en Español, puesto que «no existe una lengua a la que pueda justamente considerarse como de uso común en las relaciones verbales o escritas de las Cancillerías». Nada más cierto ni más justo. ¿Por qué habría de doblegarse el castellano ante otros idiomas? Estamos en una triste época en que, por un lado, se nos quiere imponer el Inglés y, por otro, el Ruso --según las zonas de influencia--, y es un gesto gallardo ese de no renunciar al perfecto derecho que nos asiste, mientras no varíen las circunstancias *para todos.* Otro día, la prensa también nos da cuenta de que un soldado del Ejército Americano ha ideado un nuevo lenguaje, al que ha bautizado con el atractivo nombre de «Vanuji», que es ya toda una promesa. Para simplificar el idioma que se ha sacado de la cabeza, este hombre dice que su alfabeto se compone de 48 letras (¡buen comienzo de simplificación!) y el vocabulario comprende solamente 1.200 palabras, lo que, en verdad, es una economía apreciable. Estas palabras no tendrán más de dos sílabas ni más de tres letras. Al cabo de los años, he aquí un retroceso hasta el «Volapük», que aturdía a sus adeptos, de los que exigía una memoria imposible, para retener tan raro vocabulario.**

**Y ahora, por si no se hubiera agotado la fertilidad de la humana fantasía, nos llega la noticia de una curiosa tentativa de resucitar el Latín, transformándolo en lengua viva. Para ello, se nos dice, se le está adaptando al mundo moderno. Y he aquí cómo se le añaden medios de expresión «al día»:**

Automóvil = *Machina quae interno machinamento sua sponte movetur;* Bomba atómica = *Globus atomica vi disploden;* Bigote = *Superioris pili;* Feminismo = *Acquandus mulierum homininque status;* Fotografía = *Imago luce impresa;* Periodista = *Ephemeridum notitarum auceps,* Tennis = *Manubriati reticuli ludus, etc., etc.*

**Renuncio a dar más ejemplos, no sea que los lectores crean que me estoy burlando de ellos.**

**Entre tanto, la O. N. U., en medio de una frondosa burocracia, sigue con su maquinaria de traductores, perfecta para que cada orador luzca su oratoria natal. Y cuando alguien pretende demostrar que conoce otra lengua, además de la suya materna, lo que demuestra es que sabe masacrarla (con las naturales excepciones). Que así funciona hoy aquella costosa y aparatosa tribuna de vanidades.**

**Así va el mundo. Convertido en un colosal «Rincón del Humor» o en una inmensa «Casa de Orates». Los optimistas dirán (con fundamento, lo reconozco) que todo ello prueba que la necesidad de una Lengua Auxiliar Neutral se hace sentir cada día más, y que el Esperanto, ese gran instrumento de comprensión, que funciona ya real y positivamente, entre los muchos millares de sus practicantes, acabará por imponerse. Por mi parte, no creo mostrar un pesimismo excesivo si digo que el existente caos lingüístico demuestra, por ahora, que somos una Humanidad sin remedio, a la que uno se avergüenza de perteneecr cuando ve tales cosas, en el preciso momento en que tanto se habla de «Estados Unidos de Europa» y cuando «el Mundo es un pañuelo». ¿Tienen ojos y no ven, o se empeñan en cerrarlos para no ver?**

---

# INTERESANTE MOCION SOBRE EL ESPERANTO EN LA U. N. E. S. C. O.

Coincidiendo con la admisión de España en este importante organismo internacional, el Esperanto ha sido considerado allí con la debida seriedad. En la reunión del día 3 de Diciembre de la Sección Permanente de la Comisión para la Agenda de Trabajo, se aprobó por unanimidad, a petición de la delegación suiza, con el apoyo de la inglesa, una moción para que la Conferencia General tome en consideración el estudio de los diferentes «resultados tangibles, obtenidos por el Esperanto en la evolución de las relaciones intelectuales y en la intercomprensión de los pueblos».

# SE CELEBRA EN PARIS UN IMPORTANTE ACTO DEMOSTRATIV
# A LA 7.ª CONFERENCIA GENERAL DE U.N.E.S.C.O. DO

Con motivo de la 7.ª Asamblea de la Conferencia General de U. N. E. S. C. O. que tuvo lugar en París, del 12 de Noviembre al 10 de Diciembre de 1952, la activa oficina esperantista «Centro de Esploro kaj Dokumentado» (Centro de Investigación y Documentación) organizó, juntamente con la «Union Esperantiste Française» una interesante velada para demostrar a los delegados de dicha Conferencia el perfecto funcionamiento del Esperanto, como idioma de discusión y trabajo.

La reunión se celebró el martes 18 de Noviembre, a las 18'30, en el magnífico salón de la «Union des Fabricants», muy cerca de la casa de U. N. E. S. C. O. Presidió el general L. Bastien, incansable y veterano paladín del esperantismo francés, quien, en concisas palabras, resaltó la finalidad del acto. El tema que se ponía a discusión era: «El problema del idioma en las relaciones intelectuales internacionales». Se inició el debate con un breve discurso del profesor I. Lapenna, comenzando seguidamente una animada discusión en la que intervinieron: el profesor L. Laurat (francés de origen eslavo), el sacerdote E. Machado S. J. (brasileño), el profesor G. Waringhien (francés), el estudiante H. Sellin (noruego) y el mismo Sr. Lapenna (yugoslavo). Aproximadamente unos 70 delegados, vice delegados y secretarios de diversas representaciones en la Conferencia de U. N. E. S. C. O., además de varios altos funcionarios de esta Organización, asistieron y siguieron con gran interés la marcha de la discusión, entendiendo incluso mucho de lo que se hablaba. Todo el debate se desarrolló exclusivamente en Esperanto, durante cerca de una hora, sirviendo a la perfección las normas de la retórica, mientras el idioma fluía brioso y

---

Antaŭ la nova etapo, kiun, en formo de jaro, la tempo prezentas periode al la homoj, oni ŝatas intime dorloti la penson, ke eble-eble jam baldaŭ okazontaj estas kelkaj el tiuj deziroj, kiuj, pli aŭ malpli puraj, tiel abunde troviĝas en la fundo de la koroj. Kaj pro tio, denove, la espero burĝonas kaj floras iom senpripense... Tamen, kvankam la espero estas karakteriza kvalito de la esperantistoj, ili ne tro fidu --en ĉi tiu komenco de jaro-- al hazarda ĝuo de riĉa rikolto, sen oportuna apliko de pliaj du aliaj virtoj-kvalitoj niaj: la laboro kaj la obstino! Ĉar, se multe da promesoj hele nun ridetas al ni, estu ni konsciaj, ke, por transformi la promesojn en realojn, ankoraŭ multe ni devas obstinė labori, sen atento al privataj preferoj, kaj sole nur en direkto al la celo komuna.

Laŭ tia konvinko, mia rolo daŭros same, en la revuado de venintaj gazetoj, por koncize raporti pri ili, kvitancante ilin:

Italio, la ĉarma lando, kie la arto pompas ĉie, malfermas hodiaŭ la kronikon per la paĝoj de siaj gazetoj. L' ESPERANTO, oficiala organo de la Itala Federació, prezentas bildon de la vizito farita de esperantista delegacio al la Prezidanto de la Itala Respubliko, Lia Ekscelenca Moŝto L. Einaudi, kiu afable akceptis niajn samideanojn kaj vive interesiĝis pri diversaj aspektoj de nia movado. En la ceteraj paĝoj de la gazeto, la literaturo okupas honoran lokon kun komentoj kaj raportoj. VERDA STELETO, informilo de Centra Esperanto - Oficejo, scias lerte kombini seriozajn temojn kun bonhumoraj rubrikoj, inter ampleksa raporto pri la tutmonda movado. M. Guzzi, la diligenta kamarado, forte kaptas la atenton per dokumentita artikolo: «Ĉu ni atingos Marson?» Jen tikla demando, «ĉar se la venkoj de la tekniko kaj scienco, en la kampo de la supersonaj flugiloj, daŭros kun tia sekvo, certe ni povos iun tagon veturi al la Luno aŭ al alia pli malproksima planedo». Arogaj kaj senlimaj estas ja la revoj, ĉu ne vere? NOTIZIARIO INTERNAZIONALE, jen estas ĵurnalista informilo, kiu, en kunlaboro kun U. E. A. liveras al la tuta itala gazetaro esperantistajn novaĵojn. Tio estas grava servo, kiu devus ankaŭ funkcii en aliaj landoj, por elŝprucigi akuratajn informojn pri nia ekzisto. Vicas nun la aŭstriaj kolegoj, kiuj, sub tre malfacila ekonomio, neniel haltas en sia laboro. ESPERANTO-REVUO, la oficiala organo, en tre detala raporto, prezentas la situacion de la landa movado, kiu, kvankam sufiĉe kontentiga, povas esti multe pli forta, konsiderante la simpation, kiun montras al nia lingvo la oficialaj instancoj. LA SPEGULO, revuo por Supra Aŭstrio, forigas onidirojn pri sia malapero, ĉar: «malaperigi gazeton zorge instalitan estus paŝo malantaŭen; do, ni daŭrigados!» INFORMILO de Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno amplekse ĝojas

# INTER LA PROZO DE LA

## ...O DE LA EFICIENCIA DEL ESPERANTO, ANTE LOS DELEGADOS ...DE SE HA LOGRADO UN VALIOSO Y POSITIVO EXITO

galano en boca de los oradores. Al final, los asistentes fueron invitados a formular preguntas en cualquiera de los varios idiomas hablados por los cinco mencionados oradores; a saber: francés, inglés, alemán, italiano, noruego, danés, sueco, portugués, ruso, servio, checo y español.

Efectivamente, se hicieron muchas preguntas, y las respuestas fueron dadas a continuación en el idioma mismo en que habían sido hechas, causando esto una viva impresión. Es curioso advertir, que si un total de doce idiomas nacionales estaban representados, entre los cinco oradores, ninguno de estos idiomas era común para dos de ellos. ¡Sólo el Esperanto era el nexo de unión para todos! El acto terminó con un Vino de Honor, ofrecido por la organización esperantista francesa a todos los concurrentes. Por el reducido espacio del salón, no se pudo invitar a todas las delegaciones en pleno, sino solamente a una representación de cada una.

El acto fué un completo éxito, bajo muchos puntos de vista; pero, sobre todo, fué una prueba de seriedad y solvencia que dió prestigio a nuestros postulados en pro del Esperanto, ante un público que ostentaba la representación oficial de casi todas las naciones del mundo. El importante periódico de París «Le Fígaro» publicó una amplia información de este acto, en su número del día 19 de Noviembre. El resultado práctico inmediato fué la resolución aceptada por la Sección Permanente de la Comisión para la Agenda de Trabajo, el día 3 de Diciembre, aprobada después, en forma un poco más abreviada, por la Asamblea General el día 10 de Diciembre.

**Esta información y otras noticias que se publican en el presente número deben ser ampliamente divulgadas y propagadas por nuestros lectores y amigos, en entusiasta emulación,**

---

pro la arĝenta jubileo de sia fondiĝo. Eminentaj personoj: la Ŝtatprezidanto, la Kardinalo-Ĉefepiskopo, la Kanceliero, la Instruministro kaj aliaj superaj aŭtoritatuloj, kun kelkaj esperantistoj inter ili, persone vizitis la Konstantan Ekspozicion, kiun oni inaŭguris en la plej granda salono. INFORMLETERO aperas ne ja kiel modesta folio, por la grupoj el Tirolo, sed kiel interesa informilo tutmonda —en la numero nun legata— pri la solena inaŭguro de la Zamenhof-monumento en **Wörgl**; preskaŭ sola enhavo estas belega kroniko, kie oni detalas precize kaj artisme la tutan aranĝon. Ĉi tiu bonega raporto, tiel plaĉa kaj bela, kiel plej bona kroniko pri Universala Kongreso, estos nepre necesa komplemento en la historio de la fama monumento. Varme mi rekomendas akiri ekzempleron de ĉi tiu gazeto por ĝui, kvazaŭ ĉeeste, ĉiujn epizodojn de la tago, kiam busto de Zamenhof brile fariĝis ornamo de bela urbeto inter majestaj montegoj el Tirolo. Tial ke, bedaŭrinde, la raporto aperas sen subskribo, oni ne povas scii la nomon de la aŭtoro, kiun sincere mi gratulas. VOKO EL STIRIO estas folio kun aparta logo, ĉar «kie la kurbego de la Alpoj eksvingiĝas orienten kaj, kun siaj lastaj flankaj montoj, eskarpiĝas al la granda ebenaĵo, jen tie situas Stirio!» Niaj tieaj amikoj eldonas, do, sian propran organon, per kiu ili sin ligas kun la ceteraj aŭstriaj samideanoj. Speciale rimarkinda estas la funkcianta Esperanto-Servo ĉe la fervojstacioj, kio utile efikas por ĉarmigi ankoraŭ pli ĉi tiun landeton, kiu estas vera paradizo por turistoj, AÚSTRIA ESPERANTO - INSTRUISTO, dumonata bulteneto de la aŭstriaj Esperanto-instruistoj, fermas la liston ĉe la rando de Jugoslavio mem, meritoplene reprezentata per LA SUDA STELO, unuaranga revuo kun serioza studinda enhavo, kiu lokigas ĝin inter la plej bonaj naciaj gazetoj. Kompreneble, pluraj paĝoj informas pri la preparaj laboroj por la Universala Kongreso, kiu okazos ĉi-somere en Zagreb, la urbo mem, kie la gazeto aperas. Profitante la ŝancon, ke mi menciis la utilon de la naciaj gazetoj, jen unu kiu estas tre bona: ESPERANTO ET CULTURE, preskaŭ nur franclingva zorge presita revuo, aperinta sub la aŭspicio de la Grupo por la instruado. La nova kolego havas antaŭ si gravan taskon, sed ĝiaj kleraj redaktantoj sukcesos popularigi nian lingvon inter la franclingvaj geinstruistoj. Jam en la teritorio de la franca lingvo, jen ankoraŭ L' ESSOR DE L' ESPERANTO, la malnova konato, kiu, en sia grandformata amplekso, aspektas kvazaŭ blanka svingiĝanta tuko.

Kiel emblemo de paco, ĝi flirtas hodiaŭ blovata de tiuj freŝaj agrablaj promesoj, tre oportune venintaj por doni signon de espero al la jaro en komenco. Tial, do, plene ĝojas kun vi LA LEGEMA KOBOLDETO

## ...ESPERANTISTA GAZETARO

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● JAPÓN. — Como anexo a la revista «Journal of Silkworm» se ha publicado en Esperanto una disertación del profesor Haruo Hasimoto sobre experimentos de cruce de gusanos, en el «Instituto de Exploración y Cultivo del Gusano de Seda», de Maebasi-ŝi.

● ESTADOS UNIDOS.—En lugares como Hollywood, ciudad cosmopolita, es donde se siente más necesidad de un idioma neutro común. El señor Jack M. Warner. hijo de uno de los componentes de la productora «Warner Brothers», es esperantista y tiene el proyecto, como ya han realizado «Metro Goldwyn Mayer», «Paramount Pictures» y «R. K. O.», de filmar una película en Esperanto; como estrella de la misma está designada en el reparto Patrice Wymore, esposa del conocido actor Errol Flynn.

● INGLATERRA.—En este mes de Enero se celebra el jubileo de uno de los grupos más antiguos del país; se trata del «Londona Esperanto Klubo», fundado en 1903.

En el órgano de «World Federation for the protection of animals», se ha publicado en Esperanto el artículo «Tutmonda alvoko por stariga fondo» del esperantista señor Jan Jacobs, Vicepresidente de esta Asociación, que actualmente se encuentra en España.

● NORUEGA.—El señor Sundhagen, comisionado por la «Red Estatal de los Ferrocarriles Noruegos», para el estudio de métodos empleados en Francia, ha llevado a cabo con éxito su cometido por medio del Esperanto solamente, ya que desconocía el francés.

● SUECIA.—«Frimärks-Bladet», revista filatélica sueca, desde Diciembre publica una página en Esperanto, con abundancia de noticias filatélicas y anuncios para intercambios.

● DINAMARCA.—En el «Club Estudiantil Esperantista», de Copenhague, pronunció una conferencia sobre «Condición de vida y trabajo de los intelectuales japoneses» el renombrado profesor de bioquímica de la Universidad de Nagoya, señor Fujio Egami.

«Farmaceutisk Tidende» publica un estado comparativo de precios de específicos en 37 países, recopilado por el farmacéutico de Copenhague, señor Vidtor Rude, a base de los formularios remitidos y devueltos cumplimentados por diversos delegados esperantistas, relacionados con esta especialidad en muchísimas ciudades del mundo.

«Dansk Vandrelang», asociación excursionista, propaga el Esperanto entre sus miembros, y en su revista publica con regularidad un curso del idioma auxiliar.

● HOLANDA.—«Eindhovens Dagblad» del 4/11 publica un artículo sobre el Club Esperanto de la casa Phillips y Groot-Eindehoven», otro sobre viajes al extranjero, organizados por este Club de la renombrada fábrica de aparatos eléctricos y radiocomunicación.

● AUSTRIA. — El «Museo Internacional de Esperanto» es una sección oficial de la Biblioteca Nacional, comprendiendo una instalación de 10.000 libros y objetos diversos, cuidadosamente ordenados y presentados, ocupando una superficie de 400 metros cuadrados.

● ITALIA. — El señor Enzo Giacchero, presidente de la Delegación Italiana en la «Comunidad Europea del Carbón y del Acero», dirigió una carta al Congreso Italiano de Esperanto, celebrado en Bologna, manifestando que el éxito del Esperanto será «símbolo del renacimiento de la Humanidad e inicio de la prosperidad futura para el mundo entero». A este Congreso, como se sabe, asistieron varias personalidades italianas.

● SICILIA.—Gracias a los desvelos del señor José E. Boscarino, abogado de Ragusa (Corso Vittorio Veneto, 92), el Esperanto se ha introducido en esta isla y actualmente existen grupos locales en Catania, Palermo, Messina y Ragusa, y se celebran periódicamente cursos para maestros de primera enseñanza y profesores de enseñanza media en Ragusa, Comiso y Vittoria, lo que promete un porvenir muy esperanzador.

● INDONESIA.—Por iniciativa de la periodista S-ra Datoe Toemenggoeng, se ha organizado una nueva asociación esperantista en este importante archipiélago del Pacífico.

## EL ESPERANTO EN LOS MEDIOS CIENTIFICOS

**Publican resúmenes de artículos científicos las revistas «Physica», «Vegetatio», «Proceedings of the Royal Academy of Amsterdam», «Verlkroniek», de Holanda; «Le Phare Medical», de Francia; varias revistas de ciencias naturales y boletines de diversas Universidades del Japón, y revistas médicas de Bélgica e Italia.**

# HISPANA KRONIKO

**ZARAGOZA.**—En tiu urbo funkcias 7 kursoj, jene: 3 por komencantoj (unu el ili por blinduloj, kun partopreno de 7 gelernantoj), 2 por daŭrigantoj, 1 supera, kaj 1 por preparo de novaj instruistoj. Direktoro de tiu serio da kursoj estas la diligenta samideano S-ro Máñez; kaj la kursojn gvidas: por komencantoj F-ino Asín kaj S-ro López; por blinduloj S-ro Cebollero; por daŭrigantoj S-ro Soto kaj F-ino López; cetere, por la supera zorgas S-ro Morales kaj por la speciala S-ro Martínez.

**VICH (Barcelona).**—La tieaj esperantistoj festis la naskiĝtagon de nia Majstro kun entuziasmo. Jam posttagmeze venis en la urbon aŭstralia samideano S-ro Halls, kiun oni akompanis viziti la vidindaĵojn de tiu malnova sed artplena urbo. Vespere estis kunveno, kun partopreno de samideanoj de la najbaraj lokoj: Roda de Ter, Manlleu, kaj Sant Feliu de Codinas. La novaj lernantoj de la kurso gvidata de kataluna pioniro S-ro Jacint Comella interparolis la unuan fojon kun esperantisto, veninta el tre malproksima lando, por amike kunvivi kaj resti kelktage inter ni.

**CALLOSA DE SEGURA (Alicante).**—La Zamenhofan tagon oni festis en kunveno per paroladoj de ĉiuj ĉeestantoj kaj legado de la «Vivo de Zamenhof»; krome, oni profitis la okazon por pridiskuti kelkajn internajn societajn aferojn.

**MOYÁ (Barcelona).**—En tiu simpatia urbeto, oni celebris la 15an de Decembro per parolado pri Zamenhof kaj la Esperanta Ideo, fare de nia klera kaj aktiva samideano S-ro Molera. Oni okazigis kelkajn Esperanto-ekzercojn, en konkurso inter la lernantoj, kun premio por la gajninto kaj agrabla distro por ĉiuj aliaj.

**TARRAGONA.**—Daŭras la ĉiusemajna radioelsendo, kun la rubriko: «Kiel vi fariĝis Esperantisto?» Okazas kurso trifoje semajne, gvidata de S-ro Guell Socias, kaj alia per korespondado, inter kelkaj lernantoj dise loĝantaj en la Tarragona provinco.

**SABADELL (Barcelona).** — La 20an de Decembro oni solenis la naskiĝtagon de Zamenhof. Tiun intiman kunsidon pligravigis la partopreno de eksterlanda korespondanto de loka samideano, polo loĝanta du jarojn en Aŭstralio, kiu faris prelegon pri la tiulandaj vivkondiĉoj, kutimoj, k. t. p. La festo konsistis el paroladoj, deklamado, kantado, kun pianakompano, kaj lunĉo dum kies daŭro, en amika konversacio, la pola samideano afable komplezis la scivolon de la ĉeestantoj.

**ESTACIÓN DE SAN ROQUE.**—En ĉi tiu malgranda urbeto, apud la angla kolonio Gibraltaro, nia movado iom post iom progresas kaj disvastiĝas. Jam estas kurseto gvidata de la S-ano Tallón, por kvar junuloj el diversaj metioj. Ĉeestas fervoja lernanto, helpkuracisto, komercisto kaj studento. Ankaŭ tri fraŭlinoj, Genoveva, Maruja kaj Esperanza Dominguez, kleraj belulinoj, interese kaj avide lernas nian lingvon. Ekde la nova jaro, S-ano Tallón servas la taskon de Delegito de U. E. A. celante esti tre utila al la s-anoj kiuj alvenos al la fervoja stacio, survoje al Gibraltaro, aŭ preterpase al la proksima kontinento de Afriko.

**BILBAO.**—La preparoj por la Kongreso plivigligas la movadon en ĉi tiu bela urbo. Refondiĝis la grupo kun pli ol 60 membroj; kaj unuan fojon, post la milito funkcias multenombre ĉeestata kurso en taŭga apartamento, kiun ĝentile havigis la Provinca Delegito por Blinduloj, S-ro Benavente, granda amiko de Esperanto kaj fervora persono, tre multe ŝatata. Dank' al la laboro de niaj tieaj amikoj, la urba loĝantaro jam montras intereson por la XIVa Hispana Kongreso de Esperanto.

## XIV CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO EN BILBAO

**7 - 8 - 9 - 10 DE AGOSTO DE 1953**

**El programa anunciado ha despertado un vivo interés entre los futuros congresistas, por su atractivo y novedad. Con el presente número se recibirá el boletín de adhesión que lleva las necesarias aclaraciones sobre hospedaje. Los que necesiten más ejemplares pueden solicitarlos al Comité Organizador que los remitirá seguidamente. Se ruega no retrasar la inscripción, para facilitar los trabajos de organización y también por motivos económicos, para poder contar con los fondos necesarios en los primeros gastos. En este aspecto son especialmente advertidos todos los esperantistas del Norte que este año deben ser la vanguardia activa y entusiasta que marque la pauta al resto del esperantismo español**

*Llenad vuestro boletín, solicitad los que necesitéis y no vaciléis en pedir aclaraciones al*

**Comité Organizador del XIV Congreso Español de Esperanto.** Ronda, 32-BILBAO

# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## TESORERIA

BALANCE EN 31 DE DICIEMBRE DE 1952

ENTRADAS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuotas de socios 1951 (atrasos) | 807'— | | |
| » » 1952 | 16.190'50 | 16.997'50 | |
| Donativos voluntarios | 7.250'— | | |
| Líquido obtenido Lotería Navidad | 2.825'— | 10.075'— | |
| Ingresos por «Libroservo» | | 2.225'05 | |
| Suman los ingresos | | | 29.297'55 |

**DETALLE DEL «LIBROSERVO»**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Existencias en libros e insignias | | 3.771'60 | |
| Venta de insignias y libros | | 18.890'75 | 22.662'35 |
| Compra de libros | 17.100'50 | | |
| » de insignias | 2.262'— | 19.362'50 | |
| Gastos de entretenimiento | | 1.074'80 | 20.437'30 |
| Beneficio | | | 2.225'05 |

SALIDAS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuota de U. E. A. 1952 | | 887'50 | |
| Asignación auxiliar Secretaría | 600'— | | |
| Material y gastos Secretaría | 2.500'25 | 3.100'25 | |
| Edición del Boletín | 16.625'65 | | |
| Fajas y gastos de envío | 1.482'25 | | |
| Compra de material tipográfico | 5.035'25 | 23.143'15 | |
| Suman los gastos | | | 27.130'90 |
| Remanente en 1952 | | | 2.166'65 |
| Existencia en Caja en 1.° Enero 1952 | | | 544'50 |
| Existencia en Caja en 1.° Enero 1953 | | | 2.611'15 |

Valencia, 31 de Diciembre de 1952.

El Tesorero, ERNESTO HURTADO

## SECRETARIA

*No habiendo ninguna vacante en la actual Directiva, que tiene todavía actuación legal durante todo el corriente año, no procede ahora, por lo tanto, elección alguna para los cargos rectores de nuestra Federaación. Junto con el presente número se recibirá una circular con interesantes indicaciones que todos los afiliados deben atender cuidadosamente para facilitar el trabajo administrativo.*

*Valencia, 15 de Enero de 1953.*

**El Secretario, VICENTE SANTAMARIA**

## ATENTU! ATENTU! GVATEMALO VOKAS VIN!

Sub titolo «La Infanoj de la mondo kantas», en Gvatemalo estas organizita de la Direkcio de Belartoj de la landa Edukministerio interlerneja konkursa prezentado de sceno kun folklora kanto el malsama popolo. Tial, oni vokas al kunlaborado.

Bonvolu havigi la jenon: a) muziknotojn por kanto kaj pianakompano, aŭ por plurvoĉa ĥorkantado, de iu folklora nacia kanto; b) ĝian tekston en la nacia lingvo; c) sub ĝi la legmanieron kun Esperanta ortografio; ĉ) la tradukon de la teksto en Esperanto; d) klarigojn pri la kanto; e) bildon de la regiona kostumo, kie ĝi estas kantata.

Oni reciprokos ĉiun sendaĵon. Sendigu la materialon al jena adreso:

«Popolikantoj» - Dirección General de Bellas Artes - Callejón Manchón, 14 - GUATEMALA Cd. (Guatemala)

**KVAROPO** — Poemoj de William Auld, John S. Dinwoodie, John Francis kaj Reto Rossetti. Antaŭparolo de Gaston Waringhien; ilustrita kun portretoj de la kvar aŭtoroj kaj antaŭbildo de R. Rossetti; kovrilo de John Hartley. Bel-literatura Eldon-serio 1 de «Stafeto», J. Régulo Pérez, eldonisto, La Laguna (Kanariaj Insuloj) 1952, 16 x 22 cm, 272 paĝoj. Prezo: 50 pesetoj plus afranko, 5 % enlande kaj 15 % eksterlande. Aĉetebla ĉe Libro-Servo de Hispana Esperanto-Federacio, Calle de Pelayo, 7, Valencia.

Sub plej kompetenta gvido, nova hispana eldonejo aperas mem per admirinda verko. Jen, kvar skotaj poetoj sin prezentas *ope*, kiel disĉiploj de Kalomano Kalocsay. Bona rekomendo, se oni elprofitis la lecionojn! Ĉe tiu ĉi penso, mi scivole foliumis la bele prezentitan, kvankam --domaĝe!-- nur broŝure binditan verkon, kaj mi konfesas, ke mi faris tion kun certa timo, tial ke la poeziaj perloj ne abundas, kaj la fuŝaj versaj vulgaraĵoj rezultas neelteneblaj. Ne; en ĉi tiu okazo, la disĉiploj plene honoras la majstron. Eĉ se ili ne dirus tion, oni facile perceptus la rektan influon de Kalocsay sur ilian konstruformon; kvankam la fakto, ke en tiu resonas la Kalocsaya liro, tio tute ne signifas, ke ili simple eĥas lian kanton; kontraŭe, ĉiu el la kvar havas facile distingeblan, apartan vervon kaj inspiron.

Tiuj ĉi poetoj sin prezentas kolektive, kiel la «skota skolo», laŭ iliaj vortoj, t. e. kun konscio, ke ili ludos reprezentan rolon en la nuna stadio de la movado; kaj certe ili ludos tian, kaj gravegan, ĉar gravega estas ilia verko. La publiko juĝos pri ĝi; sed mi ne dubas, ke ĝi estos akceptata kun entuziasmo kaj konsiderata kiel grava mejloŝtono, en la plena disvolviĝo de nia literaturo; kaj, sekve, de nia movado.

En la multnombraj poemoj, oni trovas la plej variajn formojn kaj ritmojn, rimojn kaj parencrimojn, kiuj kaskade fluas kvazaŭ ne ligitaj al la senco de la versoj; kvazaŭ ĝin ne influantaj kaj de ĝi ne regataj. Duvortaj rimoj kiaj: *neniel -- vi el, pro ĝi -- loĝi, pri si -- kisi, fine -- mi ne, volumeto -- kial ne do,* ĉarme rompas la limojn de la gramatikaj finaĵoj; sonoraj aliteracioj: *Ĝi min turmentas, tordas kaj torturas, --je unu firma familio fandas,* eksterordinara vortriĉo kaj spritplenaj vortludoj kompletigas la perfektecon de tiuj ĉi mirindaj versaĵoj.

Kiuj malŝatas la neologismojn, ja de ĉi tiuj kvar poetoj iom malŝparitaj, kaj kiuj preferas la mal-vortan uzon, tiuj trovos kvietigajn mal-versojn en «Insulo de Fetiĉuloj». La seriozulojn ravos la poemo el aleksandroj, de Francis, kiu ampleksas la tutan universon; eble kelkaj preferos la mistikon de Dinwoodie... certe estas avantaĝo ke ĉi tiu verko estas de kvar, ĉar ĝi nepre estas pli varia, pli diversa.

Esplore, esplore, mi trovis ŝokaj jenajn esprimojn: *devas kisi postaĵon lian, ol li ĝin rekonas* (antaŭ ol), *--kun fajra glavo kontraŭ l' beston* (apostrofo post aŭ), -- *mi volas spioni* (en jamba ritmo, la poeto kalkulis, prave, la du ss kiel plian silabon), -- ***flanke la bufedo morna pale brilis duondorma-- splena, pezmiena klientaro*** (flanke de l' bufedo...) krome, mi rimarkis lama la verson: ***aŭ alies vastan vundon,*** sed poste mi legis en la korektolisto, ke devas esti: ***aŭ aliies vastan vundon;*** tiel la verso estas jam vere kompleta, tamen alies kaj aliies...

Mi ne povas ne mencii, ke estas pluraj poemetoj aparte taŭgaj por reciti publike. Inter tiuj ŝajnis al mi elstaraj: «Ebrio» kaj «Samideaneto». Krome mi devas diri, ke la eldonisto anoncas sian intencon, se estos subteno de la esperantistoj, publikigi en la eldon-serio «Stafeto» plurajn gravajn verkojn. Tial, do, tiu subteno ne manku, nepre ne manku!

**L. MIMÓ (Sabadell)**

---

**EL MUNDO ES UN PUEBLO - Necesidad de un idioma auxiliar EL ESPERANTO,** por Vicente Perles Moncho, maestro nacional de MIRAFLOR - Vergel (Alicante). Impreso por «Papelería Boluda» Ollería (Valencia).

De nuestro buen amigo y fervoroso esperantista, señor Perles Moncho, recibimos este opúsculo, editado por el autor por sus propios medios, para la difusión del Esperanto entre los maestros nacionales, a cuya clase docente pertenece.

La exposición se halla muy acertadamente hilvanada, con la presentación de circunstancias y motivos para deducir la conclusión de la necesidad que tiene la Humanidad actual de un idioma auxiliar internacional, como es el Esperanto, por razones de existencia y número de cultivadores, distribuídos en el mundo entero.

Nos satisface traer a estas columnas el gesto del autor quien, en su fervor por el Esperanto, no ha tenido reparo en afrontar la edición de su propio peculio; así como resaltar el hecho de que este opúsculo, destinado a los maestros nacionales, en cuyas filas tanta labor cabe hacer, ha coincidido por pura casualidad --que es un presagio feliz-- con la buena acogida por las altas autoridades del ramo de Educación del «Informe» que la Federación elevó al Excmo. Sr. Ministro.

**E. HURTADO.**

**FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA - Ruzafa, 7 - VALENCIA**

**DIRECCION POSTAL: PELAYO, 7 - VALENCIA**

*Precio de abono al BOLETIN: 30 pesetas al año. Extranjero, 35 pesetas al año. Número suelto: 3 pesetas. Extranjero: 1 cupón respuesta internacional.*

CUOTA ANUAL DE SOCIO:

**Socio de número: 15 pesetas — Socio abonado: 40 pesetas — Socio protector: 75 pesetas Las dos últimas categorías tienen derecho al Boletín. El socio protector recibe 2 ejemplares.**

Correspondencia y dinero debe enviarse a nuestra dirección postal: Pelayo, 7 - VALENCIA

**LIBRO-SERVO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Nueva dirección: Calle de Pelayo, núm. 7 - VALENCIA**

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a ENERO 1953)

| | | |
|---|---|---|
| Grupo FRATECO - Zaragoza | 100 | Ptas. |
| V. Aris - Tarrasa | 8 | » |
| F. Bayo - Bilbao | 5 | » |
| J. Herp - Barcelona | 10 | » |
| A. Guerrero - Zaragoza | 12 | » |
| A. Pastor - Bilbao | 125 | » |
| E. Lunate - Baracaldo | 10 | » |
| C. Berghanel - Barcelona | 10 | » |
| M. Gil - Barcelona | 25 | » |
| A. Costa - San Mateo | 10 | » |
| M. López - Callosa Segura | 5 | » |
| J. Muñoyerro - Bilbao | 10 | » |
| C. Olalla - Bilbao | 10 | » |
| J. Perogordo - Madrid | 50 | » |
| J. Fernández - Oviedo | 25 | » |
| V. Perles - Miraflor | 5 | » |
| L. de Otaola - Bilbao | 10 | » |
| J. Lerroux - Barcelona | 10 | » |
| R. Vizcaíno - Valencia | 25 | » |
| A. Marco - Zaragoza | 10 | » |
| A. García - Bilbao | 10 | » |
| J. Tormo - Valencia | 5 | » |
| P. Alcedo - Bilbao | 10 | » |
| M. Vallés - Sabadell | 4 | » |
| J. Folch - Sabadell | 5 | » |
| E. Miralles - Valencia | 60 | » |
| J. Juan Forné - Valencia | 5 | » |
| J. Geli - Figueras | 10 | » |
| J. López Plazas - Cullera | 10 | » |
| J. Marquina - Zaragoza | 5 | » |
| F. de la Torre - Baena | 10 | » |
| A. Sánchez - Madrid | 10 | » |
| M. Noguera - Alcira | 10 | » |
| J. Ezquerra - Madrid | 100 | » |
| A. Gil - Santillana C. | 10 | » |
| M. Boixader - Alcoy | 10 | » |
| R. Molera - Moyá | 10 | » |
| M. Vives - Moyá | 10 | » |
| A. Núñez - Pamplona | 10 | » |
| E. Wolff - Santa Cruz de Tenerife. | 25 | » |
| J. M.ª Bernabeu - Callosa Segura. | 50 | » |
| M. Buscató - Barcelona | 10 | » |
| Total | 864 | » |

*¡Ya empezó el torneo! No va mal la cosa...*



## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Francina Llonch, Volta 18, Tarrasa, kolektas hispanajn popolkantojn esperantlingve. Nepre ŝi kompensos.

Junaj samideanoj 16-20-jaraĝaj deziras korespondi kun la tuta mondo. Skribu al S-ro José López, plaza Agustín Bou, 4 Cullera (Valencia) - Hispanio

Juna lernanto deziras korespondi, Adreso: D. C. Collins, 3 Avondale Rise, Peckham, London S. E. 15 — (Anglio)

Gospodin Tenev Koev, Mogila, St.-Zagora (Bulgario) dez. korespondi kun hispanoj

Tri gajaj francaj knaboj (Gerard Marchal, Claude Pothus kaj Paul Couchut) deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtkartojn kaj poŝtmarkojn kun hispanaj knabinoj. Adreso: Centre d'Apprentissage de garçons — Vesoul (Haute-Saone) Francio —

Komencanto 13-jara deziras korespondi. Adreso: Juan Necol, San Martín, 1166, Santos Lugares, F. C. N. S. M. (Argentina Respubliko)

Internacia Asocio de Poŝtmarkkolektantoj. Petu sciigojn al S-ro Ingemer Nordin Skolvagen — ARJANG (Svedio)



HA SIDO BELLAMENTE EDITADO EL INFORME *presentado al Excelentísimo Sr. Ministro de Educación Nacional, en cumplimiento de las interesantes conclusiones aprobadas por el XIII Congreso Español de Esperanto.*

**Precio: UNA peseta el ejemplar**

Imp. PERIS - Gran Vía Marqués Turia, 28 - Valencia